FENIKSO NIGRA
ANARKIO.NET

# ANARKIO

INFORMA MONATA BULTENO
FEBRUARO 2012
N° 18

## Aktualaj Faktoj

La tempo foriris, sistemoj renovigiĝas, la scienco antaŭeniras rapide, la maŝino anstataŭis parte homon kaj oni aliigas ĝin en simplan neageman rigardanton. Malaperis interspacon per mekanika progresa teknologio, rapida kaj pova komuniko atenuas la mondo en la opan vilaĝon kaj tre rapidege homo krucigas marojn kaj ĉielojn, ĝi venkas la "maleblan"!

Sed mirinda labora homaro en scienco kaj teknologio kiel spaca veturo, bedaŭrinde oni estas nenio socia politika idea filozofia progreso per homara penso! Evolucio ĝin malpli okazas anstataŭ oni havas grandaj sociaj plivastigoj.

Antaŭ nin oni havas grandaj multaj problemojn en libera penso: popolo kun plena timo; frustrinta popolo kun malfacileco en pensi per mem; lojalaj personoj por ĝiaj "estroj" kaj kontrolintaj por aliaj interesoj sed ne oni estas ĉi tiojn personojn; premantuloj al ekonomia politika diktaturo povo de ioj parolantaj naciaj spertuloj kunigas kun dominantoj; kontraŭe malmultaj idealistoj, honestaj viroj en malespere lukto por konscii multaj personoj ke povos perdi ĝia libereco. Nun oni havas mensoguloj, ili trompas aliajn personojn kaj ĝis ili trompas mem, ĉar ili vivas en malreala fantazia mondo... Artifikan mensan ludon tenas per timoj kaj minacoj de politika komerca milita povo kaj tio subpremas validajn principojn de la homojn kun celo aliigas ĝin en ripetantaj robotoj aŭ stulta maso gvidita por unua aperinta empiriulo. Tio novaĵo estas kio la vero apartenas unua kriinto, kio krii pli alta, venkas!

## Unuigu nin!



Oni havis malrapida tempo kaj la homo povis pensi, rezoni, mediti kaj fine paroli. Hodiaŭ, ĉio rapide kuras, ekonomia kaj politika interesoj estas multaj kaj kaŝaj, oni parolas sen pensi, ĉar kio pensas ne povas paroli!

Ni vivas en tromaltima erao. Ioj de la homaro komprenas Napoleonon kiam lin diris pli bona defendo estas la atako. Tial oni agas sen distingo. La homaro marŝas por vian finon ĉar ĝi estas permesinta ke ekscesojn kaj ambiciojn nuligas la veraj principoj de respondecan liberecon, oni bezonas al forma honesta persono.

Neniu vidas viaj egalaj kaj viaj bezonoj kaj nek neniu graviĝas kun aliaj sama ke viviĝas en socio kaj kolektiveco. Politika partiismo estas kruela, modernaj regantoj hastas en la konverto de raciaj pensaj popoloj al katalogajn numerojn, slipatojn, eletronikaj kodatojn en alfabeta ordo. Tial pli grava konsumaĵo nun estas sloganojn ĉar oni ne penas pri pensi tion. Nenio volas lerni, scii, scias la veron.

Malgraŭ tion, malkatenas vian menson kaj kun nin, luktas por pli bona mondo! Anarkion kaj sanon al vin ĉiam!



Jen ero de la manifesto kiun la PROVOistoj publikigis je la mezo de 1965:

PROVO estas io ajn kontraŭ kapitalismo, komunismo, faŝismo, burokratio, armeismo, profesiismo, dogmismo, aŭtoritarismo.

PROVO devas elekti inter senespera kontraŭstaro aŭ subprema estingiĝo.

PROVO instigas al kontraŭstaro kie ajn estu ebla.

PROVO konscias ke je la fino ĝi malvenkos, sed ne povas lasi forfuĝi la oportunon por je la kvindeka kaj sincera fojo klopodi provoki la sociordon.

PROVO konsideras la anarkion kiel inspiron por la kontraŭstaro.

PROVO deziras revigligi la anarkion kaj instrui ĝin al la junaj.

PROVO ESTAS IMAGO.

# Manifesto de la Sennaciistoj

Daŭrigon

Nacioj estas realaĵoj, estas faktoj. Kompreneble, konstati fakton ne signifas ĝin pravigi. Religioj, epidemioj ankaŭ estas faktoj k ilia ekzisto ne praviĝas pro tio. Sed estas ankaŭ fakto, ke Ĵores k kun li Bebel, Lenin k. a. malpli famaj gvidantoj de l' laborista movado prezentis al si la nacion kiel ion naturan k defendindan.

Parafrazante diron de Bekn (angle: Bacon): «iom da scienco malfortigas la kredon je dio; multe da scienco ĝin fortigas», Ĵores konkludis jene sian tezon:

«iom da internaciismo malfortigas la patriotismon; multe da internaciismo plifortigas ĝin. Iom da patriotismo malfortigas la internaciismon, multe da patriotismo plifortigas ĝin.» Tio signifas tre klare, ke la internaciismo neniel akcelas la sennaciigon de l' mondo. Cetere ĉiuj kongresoj de la diversaj Internacioj sin deklaris por la sendependeco de l' nacioj, por la aŭtonomio de l' patrioj. La internaciismo sekve estas nur sistemo, kiu celas starigi juran aranĝon inter la nacioj por eviti konfliktojn k militojn, sed neniel pretendas forigi la naciajn apartaĵojn, kiujn konsistigas lingvoj, moroj, tradicioj, ktp. ks.

Internaciistoj – ne ĉiuj – konfesas la eblon k dezirindon alpreni unu helpan lingvon artefaritan kiel esperanton aŭ alian similan. Sed ili ne konsentas al tio, ke la naciaj lingvoj, la naciaj kulturoj k. a. naciaj diaĵoj tute malaperu aŭ almenaŭ fariĝu arkaikaĵoj, mortintaĵoj kiel la antikvaj grekaj k latinaj lingvoj k kulturoj. Ili konsideras tute utopia k nedezirinda, ke artefarita lingvo fariĝu la unika disvastigilio de tutmonda kulturo.

Rilate tiun problemon Karlo Kaŭcki tamen okupas apartan pozicion. En sia verko La Liberiĝo de la Nacioj (1917), li kontraŭbatalas la vidpunkton de Oto Baŭer, kiu, kiel Ĵores, konsideras la nacion kiel sanktaĵon nepre konservindan. Li interalie diras jenon:

«La unuopaj ŝtatoj fariĝas nuraj apartaj administraj distriktoj kun memadministrado. Tio aliflanke plifaciligas fari la interlimigon en maniero, ke ĉiu el ili ampleksas unu lingvoteritorion. Nur en la socialisma socio ekestos la eblo ĉiurilate efektivigi la nacian ŝtaton tiom, kiom la aferstato entute permesas. Sed tio okazus en la sama tempo, en kiu la suverena unuopa ŝtato ĉesus ekzisti. Ne nacia suvereneco, sed nur nacia memadministrado estus la celo de tiu ĉi evoluo.

Daŭrigas en proksima numeron.

---

# Esperanto sen Instruisto – Álvaro Pontes
# Popola Esperanta Metodo



## Unua Leciono

## Acento tônico

6- O acento tônico é a elevação da voz sobre determinada silaba duma palavra. Em português dizemos: governo, água, capital, renúncia. Quando pronunciamos estas quatro palavras, demoramos e elevamos mais a voz em ver, á, al e nún. Como se vê, é nestas sílabas que recai o acento tônico recai variavelmente sobre determinadas silabas, isto é, sobre a última, a penúltima e antepenúltima. Em Esperanto no sucede assim. O acento tônico recai invariavelmente na penúltima sílaba de cada palavra.

O número de sílabas duma palavra em Esperanto corresponde sempre ao das suas vogais. Eleve, pois, sempre a voz na penúltima sílaba de qualquer palavra.

Mesmo nos vocábulos de duas sílabas, tais como: mia, via, nia, kie, tiel, kiu, o acento tônico deve ser distinguido na penúltima sílaba representada aqui pela vogal i.

Por consequência natural deste principio, analisemos o ditongo aŭ seria violar a regra absolutamente invariável do acento tônico.

A harmonia fonética do Esperanto depende, em grande parte, do respeito que se observar por este principio.

Como recomendado, o aluno deve escrever todos os exercícios num caderno e lê-los em voz alta.

---



## Ni ankoraŭ bezonas voluntulojn!

Nia iniciatemo bezonas voluntulojn por skribi, traduki, desegni aŭ por iu ajn kontribuaĵo.
Ĉia helpo estas bonvenan, dankon!
Sanon kaj anarkion!




**Kontaktojn**
Fenikso Nigra
CP: 999 - CEP 13001-970 Campinaso - San-Paŭlio aŭ CP: 5005 - 130036-970 Campinaso - San-Paŭlio
m.e.: fenikso@anarkio.net m.e.: fenikso@riseup.net
http://anarkio.net